XXXIII-a Jaro — N-ro 442 — 25 Majo 1937

# ESPERANTO

Internacia Gazeto eldonata de la Universala Esperanto-Asocio

# Interŝtata Esperanto Akordo

## Esenco de l'Akordo - La ĝisnunaj spertoj - Eventuala plebiscito - Organizo - Origino

La Jubilea Kongreso, okazonta en Varsovio, prenis por alvoka devizo : « Esperanton en la lernejojn ! », t. e. praktike realigon de Interŝtata Esperanto Akordo, pri kiu oni jam de 1920 laboras.

La ĝisnuna taktiko postulis, ke pri la klopodo ne estu fanfaronata, ĉar tio-ĉi malhelpus la agadon, postulantan ofte tre konfidencan prilaboron diplomatan, kiun tro rapida diskonigo tute detruus. Sed, aliflanke, la malbona sekvo de tia taktiko estis, ke Interŝtata Esperanto Akordo ne fariĝis ĝis nun la ĉefa kaj fundamenta postulo de la tuta esperantistaro kaj sekve la celado ne estis sufiĉe forte subtenata de la mondo esperantista, kio nepre estas necesa, se ideo devas fariĝi socia movado.

Tial, por ke ĝi tia fariĝu ni ekdecidis popularigi ĝin en vastaj rondoj kaj petas samideanojn ekkapti kaj propagandi ideon de IEA, ke ĝi fariĝu bone konata, kvankam la zorgoj devas esti nur la celadoj de la pintoj de nia movado kaj neniel oni devas permesi, ke la iniciato elglitu el la manoj de niaj oficialaj gvidantoj de la movado aŭ ke oni faru iajn nesolidarajn konkurencajn centrojn, agantajn sen interkonsento kun la centro de nia movado.

### Esenco de l'Akordo

Se oni enkondukus Esperanton en unu ŝtato sen ĝia samtempa enkonduko en la aliaj, la sekvo estus malgranda kaj disa : la civitatanoj de tiu-ĉi lando perfekte konus ĝin, sed, forveturinte eksterlanden, ili trovus nur malgrandajn grupetojn da homoj, povantaj ĝin uzi.

Tial necesa estas **samtempa** enkonduko de Esp. en la lernejojn en multaj, ni diru-komence : kelkaj ŝtatoj. Sed por ke tiu-ĉi demando povu esti realigata, ĝi beżonas diplomatan prilaboron : unu ŝtato promesas tion fari, se aliaj same promesos. Tial la demando apartenas al du ministerioj : al ministerio por ekstero, kaj al ministerio por la klerigado; al la unua kiel la demando diplomata, al la dua kiel la demando lerneja. Nova en tiu-ĉi taktiko estas **la ideo de samtempeco,** kiu mankis en la celadoj antaŭ la jaro 1920.

La teksto de la Akordo estas (pli malpli) jena : « **(La nomo de la Ŝtato)** promesas pograde enkonduki devige Esperanton en la lernejojn de la lando, se minimume ses (kelkaj) ŝtatoj la samon promesos. Promeso estos valida ne pli frue el kiam ses /kelkaj/ promesoj estos kolektitaj ».

Koncerne la ĉef-ideon de Akordo substreku dum agado, ke

**Ne temas** /negative/ :

ke la ŝtato aŭ decidaj lenejaj aŭtoritatoj

a/ **enkonduku** Esperanton en kelkaj lernejoj de la lando

b/ **nedevige**

c/ **tuj**

**Sed temas** /pozitive/ :

a/ sed, ke ili **promesu** enkonduki ĝin en ĉiuj lernejoj de la lando

b/ **devige**/ fine, sed komence ne ĉie

c/ ne pli frue, ol **kiam ses /kelkaj/** ŝtatoj la samon **promesos.**

Tiu-ĉi celado tute ne devas malhelpi tujan enkondukon de Esperanto tie, kie troviĝas taŭgaj instruistoj, volemaj lernantoj kaj favora lernejestro. Sed per tio-ĉi oni ne bezonas Interŝtatan Akordon. Estas dezirinde, ke oni tiun-ĉi postulon ne ligu kun la ĉefa, por ke ĝi estu retenita en ĝia pureco kaj graveco kaj por ke la impreso en la propagando ne malfortiĝu. Tiun-ĉi antitezan komparon oni povas, se oni ĝin trovus bona, uzi en la petskriboj al ministerioj, kiuj devas esti skribitaj kiel eble plej koncize, kaj trafe.

### La ĝisnunaj spertoj

a/ Oni devas eviti diskuton pri tiu-ĉi demando en la Ligo de la Nacioj. Kiam oni diskutis pri tiu-ĉi temo en Ligo montriĝis, ke la Liganoj tute por ĝi ne estas preparitaj. Io pli malbona ankoraŭ montriĝis : la Liganoj scias, ke pri ekz. kemio oni ne povas diskuti, ne konante ĝin, sed pri Esperanto ili opiniis, ke oni povas paroli sen iu-ajn preparo, kiun tiu-ĉi demando (laŭ ili) ne bezonas, ĉar sufiĉas antaŭjuĝoj. Krom tio-ĉi Esperantismon ili pritraktas nur kiel lingvon, sed ne kiel movadon.

Tial en estonteco, evitante la Ligon de Nacioj, oni devas **aparte** al ĉiu nacio **proponi** alpaŝi al la Interŝtata Esperanto Akordo; se oni konsentos, ni ĝojos kaj publikigos la rezultojn, se oni ne konsentos, oni povas tion-ĉi trasilenti. Ali-maniere estas en la Ligo: la decidoj estas en la sama tago publikigataj sendepende de ilia favoreco aŭ malfavoreco al Esp. demando. Se la decido estus malfavora, ĝi tamen malgraŭ sia malfavora karaktero jam dum longa tempo estos citata kaj malhelpos la duan ripeton de la esploro de la demando. Tion-ĉi ekster la Ligo oni povas eviti.

b/ Oni zergu ne pri la promesoj de la ministroj, kiuj post ia tempo foriras, sed pri la ministerioj, kiuj daŭras. Ofte okazis ke la ministro, anstataŭanta la ĝisnunan estas por nia afero malfavora aŭ neŭtrala, nenion scias pri la decido de la unua ministro kaj tiamaniere oni neniam povas esti certa pri la akiritajoj.

c/ La decidon oni devas konservi kaj uzi por la propagando en aliaj landoj, sed neniam tro rapide ĝin disponigi, ĉar la sperto montris, ke tio-ĉi detruas la tutan laboron. Tial la decidoj devas esti konataj nur al la agantoj, kaŝitaj tamen antaŭ okuloj de vastaj amasoj Esperantaj kaj de la publiko. La **decidoj**, sed ne la ideo, kion oni vaste kaj ĉiam devas ripeti.

d/ Se oni demandos Vin, de kie Vi prenos la instruistojn, respondu, ke enkondukon de Esperanto en la lernejojn antaŭeniros periodo de amasa preparado de instruistoj, tiam jam laŭregnle **salajrataj,** kiel aliaj, kaj tial pli facile varbeblaj ol tiam, kiam propagando de Esperanto estis nur bona volo de idealistoj.

e/ Antaŭvideble plejfavora por la akordo estos la zono de la ŝtatoj de Finnlando ĝis Grekujo kaj je ili kaj je Japanujo devas antaŭ ĉio alcentriĝi ĉiuj niaj penadoj. Germanujo en kuranta politika situo ne alpaŝos al aŭ nur kiel lasta ŝtato, kiam ĉiuj aliaj estos jam akiritaj. Francujo, Anglujo iros en la vosto, ĉar antaŭvideble troviĝos personoj, kiuj penos celadi deklari la lingvojn francan aŭ anglan kiel « internacian ».

### Eventuala plebiscito

Malforta flanko de la ĝisnunaj zorgoj, estis, ke ili ne povis trovi sufiĉe fortan akcepton en ministerioj, al kiuj ni nin turnadis, ĉar ministroj povus al ni diri : « neniu Vin subtenas », « neniu IEA-on. De kiel fera konsekvenco de la ideo pri I. E. Akordo devus esti kolektata de nomoj de gravaj personoj, kiuj ĝin subtenus kaj kiuj ne estas Esperantistoj /ĉar, ke esperantistoj subtenas ĝin estas memkomprenebla/. Tiu-ĉi ideo de plebiscito estas tamen io, kion oni devas nur laŭpove organizi, se la cirkonstancoj permesas /detala priparalo de ĝia tekniko troviĝas en « Pola Esperantisto », 1932 nr. 6 junio/.

Flanke de la plebiscito oni ankaŭ devas kolekti ĉiujn favorajn por Esperanto rezoluciojn, decidojn, eldirojn de la pli-konataj personoj, por ke ni en neceseco povu ilin citi kaj la mondo ne-Eserantista ne malkovru denove la jam de longe malkovritan Amerikon.

### Organizo

Preparajn laborojn devas gvidi la Naciaj Societoj Esperantaj, la ĉefan gvidan laboron, kiel ĝis nun, la centro, elektita per la komuna volo de la tuta esperantistaro, kia-ajn estus ĝia nomo kaj kie-ajn estus ĝia sidejo. El tiu-ĉi vidpunkto Esperantistaro devas ŝanĝiĝi en grandan armeon komanditan de la centro kaj estratan de landaj societoj. La apartajn agadojn ne submetiĝantajn al centro oni ne povas konsideri, simile kiel sen pli granda signifo estus la korespondado privata de la reĝoj. Oni devas konservi la ĝisnunan terminaron/ t. e. « Interŝtata Esperanto Akordo »/ por ke ne aperu iaj celadoj, kiuj sub la trapentrita ŝildo volus, pro personaj ambicioj propagandi ion kvazaŭ alian kaj tamen principe la samon. Ĉiuspeca malsolidareco kun la agado de centro devas esti kondamnata.

### Origino

Ideo pri la samtempa enkonduko de Esperanto en la lernejojn, kiel devigan objekton kaj pri la solvo per tio-ĉi de la ĉefa problemo de Esperantismo naskiĝis en Varsovio kaj estis prezentita la 21 de Majo en 1920 al Pola Esperanto Societo en Varsovio, akceptita de ĝi, sendita al Ĝenevo, pridiskutata sen sufiĉe granda kompreno pri ĝia signifo dum la kongreso en Hago 1920 kaj en Praha 1921; fine, akceptita la 20 an de Aprilo 1922 dum la kunveno de Esp. instruistoj, kunvokita de UEA interkonsente kun Instituto de postulas tion-ĉi, kion Vi volas ». Kaj efektive, ni ne povis montri al ili la liston de subtenantoj Jean Jacques Rousseau en Ĝenevo, ĝi fariĝis jam propono de UEA kaj sekve de la institucio tiaepoko la plej-aŭtoritata en la mondo Esperantista. Dum tiu-ĉi kongreso oni kreis Insterŝtatan Komisionon por enkonduki Esperanton en la lernejoj. Neniu ĝis nun neis la kompetencon de UEA en tiu-ĉi afero. La propono disvolviĝis, travivis diversajn fazojn, estis prezentita al Ligo de Nacioj, estis prezentita al la registaroj por la ekopinio, akiris la favorajn promesojn de la ministroj de tri ŝtatoj en 1926 /Finnlando, Ĉeĥoslovakio, Aŭstrio/ kaj kalkulas inter siaj adeptoj prezidanton. Beneŝ, tiam ankoraŭ ministro por ekstero de Ĉeĥoslovakio. En tiu-ĉi epoko fiksiĝis la nomo Interŝtata Esperanto-Akordo, donita al ĝi de la ĝeneva centro kaj sub tiu-ĉi nomo ĝi eniras en la raportojn kongresajn, kaj dokumentojn. Tiun-ĉi nomon akceptas Internacia Centra Komitato, post ĝi UEA kaj neniam ĉesis ĝin uzi, kiel longe tiu-ĉi demando estis priparolata. Tiel do Interŝtata Esperanto-Akordo fariĝas ia alvoka esprimo, ĉirkau kiu grupiĝas ĉiuj celadoj de la Esperantujo dum pli-malpli dek-kelkaj jaroj, kvankam ne kun la sama intenseco en ĉiuj jaroj. Ĉefe zorgis pri IEA, **D-ro Edmond Privat,** kiu povus detale skribi pri la fazoj de tiu-ĉi ideo sur la vojo al ĝia realigo.

Se la ideo nun dum Jubilea Kongreso meritas jam pli vastan popularigon en la rondoj de la Esperantistoj, kiuj tre malmulte pri ĝi scias se oni ne devas ĝin perdi el la okuloj, do **ĉiam nur solidare kun la centro, al kiu ni ĉiuj devas nin submeti,** ĉar en « unueco la estonto nia ». Simile kiel esp. movadon ne povis krei en ĉiuj landoj sola Zamenhof, simile ankaŭ fortan movadon por realigi Interŝtatan Esperanto-Akordon ne realigos unu persono, sed **la komuna laboro,** gvidata de nia Centro.

Do, al ago, samidanoj ! Lasu gvidadon al Centro, sed vi popularigu ĝian esencon **unue en la rondoj esperantaj,** kiuj ĝin ankoraŭ ne konas kaj, ne konante, ne postulas ĝin ĉe siaj registaroj.

D-ro Antoni Czubrynski.

Universala Esperanto - Asocio

Centra Oficejo : I, Tour de l'Ile, Genève, Svislando

# LITERATURO

## Rakonto de Invalido

### de Mark Twain

Nia gazeto jam ofte publikigis verkaĵojn de Mark Twain, la fama usona verkisto. Samuel Langhorne Clemens, 1835-1910 ĉefe verkis humoraĵojn de tipe usona karaktero, ne ĉiam komprenata de popoloj en Eŭropo. Sed liaj plej belaj rakontoj estas *La Aventuroj de Tom Sawyer* kaj *Huckleberry Finn*, versimilaj kaj vivsentaj kiel malmultaj rakontoj el infana vivo.

---

Se mi aspektas sesdekjara kaj edzigita, estas sole pro malsano kaj suferoj. Efektive, mi estas fraŭlo kaj nur kvardek-unujara. Vi malfacile ekkredos, ke mi, kiu nun estas kvazaŭ ombro, estis, antaŭ du jaroj apenaŭ, viro el fero, perfekta atleto. Tio tamen estas simpla veraĵo. Sed pli stranga ankoraŭ ol tiu ĉi fakto estas la maniero, laŭ kiu mi perdis mian sanon. Mi ĝin perdis unu vintran nokton, je ducent-mejla fervoj-vojaĝo, helpante prizorgi keston enhavantan pafilojn. Tio estas realaĵo kaj mi ĝin rakontos al vi.

Mi estas el Cleveland, Ohio. Unu vintro-nokton, antaŭ du jaroj, mi alvenis hejmen ĵus post noktiĝo. Neĝventegis. Enirinte la domon, mi eksciiĝis, ke mia plej kara amiko el la knab-aĝo, John B. Hackett, estis mortinta la antaŭan tagon; kaj lia last-esprimita deziro estis ke mi akompanu lian restaĵon ĝis lia hejmloko, al liaj kompatindaj gepatroj, en la ŝtato de Wisconsin. Mi estis tre frapita kaj ĉagrenigita, sed ne estis tempo perdota pro emocioj: Mi devis tuj forveturi. Mi do prenis la karton, sur kiu estis skribita la adreso, «*Diakono Levi Hackett, Bethlehem, Wisconsin*», kaj, tra la tempesto fajfeganta, ekrapidis al la fervoj-stacio. Tien alveninte, mi trovis la longan keston el blanka pino, kiun oni estis priskribinta al mi. Mi alnajlis al ĝi la adres-karton kaj vidis, kiel oni enmetis ĝin bonstate en la rapidan ŝarĝvagonon. Tiam mi kuris al la bufedo por provizi min per sandviĉo kaj kelkaj cigaroj. Reveninte tuj sur la peronon, mi tie ekrevidis la ĉerko-keston, ŝajne. Ĉirkaŭ ĝi estis klopodanta iu junulo, tenante en siaj manoj karton, martelon kaj najletojn. Kia surpriza enigmo! Vidante, ke li komencas alnajli sian karton al la kesto, mi kuris alarmigite al la vagono por obteni klarigon. Sed pri kio mi estus plendinta? Mia kesto kuŝis en la vagono, en bona stato. Oni ne estis eĉ ekmovinta ĝin.

(Mi tiam tute ne suspektis, kia eksterordinara eraro okazis. Nescie, mi estis okupiĝinta pri la transporto de kesto de pafiloj, kiujn tiu junulo estis forsendonta al pafil-roto en Peoria, en la ŝtato Illinois, dum li efektive okupiĝis pri mia ĉerko kun la kadavro.)

Ĝuste en tiu momento la konduktoro pri-elkantis: «Ĉiuj vagonaron!» Mi do ensaltis en la ŝarĝvagonon kaj komforte sidiĝis sur kunligaĵon de siteloj. La ŝarĝkonduktoro estis laboreganta. Estis viro kvindekjara. Li havis vizaĝon simplan, honestan, bonaniman. Lia ĝenerala sintenado atestis pri facila, praktika bonkoreco. Kiam la vagonaro ekmoviĝis, iu fremdulo ankoraŭ ensaltis en nian vagonon kaj metis sur ekstremon de mia ĉerkokesto, — mi volas diri de la pafilar-kesto, — pakaĵon de Limburga fromaĝo, tre matura kaj odorega. Tio estas, mi *nun* scias ke la dirita pakaĵo enhavis Limburgan fromaĝon, sed je tiu tempo mi neniam, dum mia vivo, estis aŭdinta pri la produktaĵo. Nature, mi ankaŭ nenion sciis pri ĝiaj karakterizoj.

Nu, ni estis rapidantaj tra tiu sovaĝa nokto, tra la kruda ventego. Malĝoja mizersento ekramadis kaj la aero en la vagono fariĝis pli sufoka. Eknaŭzis al mi, mi sentis min paliĝanta. Mi malĝojis en silento kaj nenion diris. Baldaŭ mi rimarkis la malintensiĝon de la konduktora kontentado. Ĝi tute ĉesis kaj ekestis trankvilo angora. Post kelkaj minutoj Thompson diris:

— Jen! Ŝajnas, ke ne per cinamo mi ŝarĝis ĉi tiun fornon.

Li spiregis unu-dufoje, alproksimiĝis al la ĉerk-pafilar-kesto, staris momenton super la Limburg-fromaĝo. Li revenis kaj sidiĝis apud mi, ŝajne multe impresita. Post medit-paŭzo li demandis, gestmontrante la keston:

— Ĉu via amiko?

— Jes, mi respondis sopirante.

— Tre matura li estas, ĉu ne?

Ni nenion plu diris dum eble paro da minutoj, ĉiu el ni okupata per siaj propraj pensoj. Sed Thompson baldaŭ reparolis mallaŭte, timigite:

— Kelkfoje necerte estas, ĉu ili estas vere mortintaj ĉu ne. Ili ŝajnas mortaj, sed la korpo estas varma, la artikoj — fleksebla. Kvankam oni supozas ke ili estas mortaj, oni tiamaniere ne scias precize. Mi jam vidis tiajn okazojn en mia vagono. Vere, estas terure. Oni ne scias ja, je kiu momento ili stariĝos kaj ekrigardos la kunestanton.

Post paŭzo li aldonis, apenaŭ montrante la keston per sia kubuto:

— Tamen *li* ne estas en ŝajnmorto. Ne, sinjoro, por li mi garantias.

Kelke da tempo ni sidis en medita silento, aŭskultante la venton kaj la bruegon de l'vagonaro. Kaj Thompson daŭrigis sentabunde:

— Fine, ni ja ĉiuj devas foriri, tio estas neevitebla. La homo naskita de virino estas mallongvivulo, kiel diras la Sankta Skribo. Kiel ajn vi tion konsideru, ĝi estas terure solena kaj stranga. Neniu kapablas eviti ĝin, ĉiuj devas foriri; ĝuste ĉiuj, oni povas diri. Unu tagon oni estas fortika kaj vigla...

Li subite interrompis sian rezonadon, pene stariĝis, frakasis vitron kaj ekstreĉis sian nazon al la truo, tra kiu penetris freŝa aero. Post unu aŭ du minutoj li residiĝis. Iel ajn leviĝinte, mi sekvis lian ekzemplon ĉe la rompita vitro. Kaj, de tempo al tempo, ni daŭrigis nin turni al tiu artifiko, laŭvice. Thompson iom poste rekomencis la interrompitan parolon:

— ... Kaj la proksiman tagon oni estas defalĉita kvazaŭ herbo; kaj la lokoj, kiuj koniş la homon, ne plu konas lin, kiel diras la Sankta Skribo. Jes, certe, estas terure solene kaj strange; sed ĉiuj ni devas ja foriri unu tagon aŭ alian, neeviteble...

Longa paŭzo kaj plua demando:

— Ĉu jam de longe li mortis?

Ŝajnis al mi oportune iom pligrandigi la faktojn por akordigi ilin kun la probableco. Tial mi respondis:

— De du aŭ tri tagoj.

Kontraŭe al mia atendo, la rigardo, kiun ĵetis sur min Thompson, klare montris ofendiĝon. Tiu rigardo kvazaŭ esprimis: «Vi volas diri, de du aŭ tri jaroj». Serene ignorante mian deklaron, li ektraktis longece la malsaĝecon tro prokrasti enterigojn. Poste li trenis sin ĝis la kesto kaj, starinte momenton apud ĝi, li rerapidis al la rompita vitro, dirante:

— Kiel bone estus, ĉiuokaze, se oni estus transportinta lin lastan someron.

Li sidiĝis kaj, kaŝinte la vizaĝon en silkan ruĝan naztukon, li komencis malrapide lul-balancadi sian korpon, kvazaŭ penadante toleri turmentadon plej nesufereblan. Intertempe la bonodoro, — se oni povis tiel nomi ĝin, — estis fariĝanta tute sufoka, aŭ kiel eble simila al tio. La vizaĝo de Thompson estis griziĝanta. Mi sciis, ke la mia ankaŭ estis senkoloriĝanta. Baldaŭ mia kunulo ripozigis sian frunton sur la maldekstran manon, apogante la kubuton sur la genuo. Per la alia mano li svingetis la ruĝan naztukon en la direkto de la kesto kaj diris:

— Mi jam transportis multajn el ili. Inter ili, kelkajn rimarkinde tro-maturajn. Tamen ĉi tiu superegas ilin ĉiujn, sen iu dubo — superegas. Ho, kapitano, kompare al li, ili estis kvazaŭ heliotropaj.

Ĉi tiu atesto pri mia kompatinda amiko faris al mi plezuron, spite la malgajaj cirkonstancoj, ĉar ĝi preskaŭ similis al komplimento. Tamen baldaŭ evidentiĝis, ke oni estos devigata ion efiki. Mi sugestiis cigarojn, Thompson aprobis:

— Eble ili iom modifos...

Ni ekfumis singardeme, penadante imagi, ke tiel fartis pli bone. Sed senutile. Ne longe tio daŭris. Tute ne interkonsentinte, ni ambaŭ lasis sammomente elfali la cigarojn el niaj sennervigitaj fingroj. Thompson diris sopirante:

— Ne, kapitano, tio neniel modifas lin. Kontraŭe, ĝi eĉ ekscitas lian ambicion kaj plimalbonigas lin. Kion, vi opinias, ni faru nun?

*(Fino en venonta numero)*

# LINGVO KAJ VIVO

## Evoluo de Esperanto

### Kritik-historia skizo de Petro Stojan

VIII.

*(sekvo)*

#### Facileco

Kompare kun la mortanta Volapük — Esperanto promesis esti pli simpla por okcidenteŭropanoj. Tial, la unuaj pioniroj parolis pri la facileco de « Lingvo Internacia », anoncis ke ĝi estas lernebla en kelkaj tagoj aŭ semajnoj, ktp. Tio estis vera pri la kompreno de tekstoj en Esperanto, kies tri kvaronoj ne postulis antaŭan studon (almenaŭ por franco, germano aŭ anglo), kie gramatiko ne estis baro por la kompreno, kaj kies resto povus esti akirebla en kelkaj semajnoj. Sed, posedo de la lingvo estas duflanka, kaj la duan flankon ne atentis la unuaj pioniroj, nome la tradukon el nacia lingvo en Esperanton, kaj — pli grave — senperan esprimon de penso en Esperanto. Estas facile por multaj personoj kompreni la muzikon, eĉ kiam ili ne kapablas mem ludi. Tia estis la kazo de varbitoj, kiuj aliĝis al Esperanto, lernis dum kelkaj semajnoj, kaj jam povis kompreni... Sed, granda estis ilia surprizo kaj elreviĝo, kiam ili provis korespondi, traduki, verki en Esperanto. Unuatempe ili rimarkis nur malfacilecon, sed kontentis pri la rezultoj: rusa esperantisto provis paroli kun samideaj rusoj, franco kun francoj kaj tiel, en la limoj de sia nacio, ili ne povis ekvidi ke ilia Esperanto ofte estis kopiado de naciaj idiotismoj. Multaj amuzaj anektodoj restis al ni el tiu epoko. Germana novulo finis sian leteron, skribante: kun bestaj salutoj. Dum pikniko franca fraŭlino, trinkante lastajn gutojn el botelo, diris: *mi vidas la botelon*, volante esprimi: mi malplenigas... (france: vider = malplenigi), kaj ĉar ŝi ĝin tenis ĉe la buŝo simile al astronomo kiu sin tenas proksime je la teleskopa okulvitro, iu komprenis ke ŝi vere « vidas », rigardante tra la botelo. Rusa studento ricevis poŝtkarton kun propono korespondadi, kaj lia franca samideano diris interalie: *mi ŝatas ricevi de vi uzitajn frapsonoriletojn, kiujn mi kolektas...* Longe serĉis la ruso uzitajn frapsonoriletojn, ĝis fine iu supozis ke okazis eraro: la franco tiel tradukis per sia vortaro la vorton « timbre » (poŝtmarko). Bulgara esperantisto fieris pri tio ke li perletere amikiĝis kun aŭstria *rektoro*, ĉar li pensis ke tio signifas Estro de Universitato, — sed granda estis lia seniluziiĝo, kiam klariĝis ke tiu estis nur vilaĝa instruisto, estro de popola lernejo.

En kelkaj monatoj oni akiris scion skribi en Esperanto. Sed tiuj skribaĵoj ne estis jam « lingvo internacia », ili ankoraŭ tro imitis naciajn formojn de stilo. Por esprimi saman penson, — ĉiuj konsentas — franco skribis: *Tuta la mondo estas akorda*, ruso: *tutoj kunvoĉas*, germano: *ĉiuj unuvolas*. Tia verkado similis al la lernado de bicikliro, kiam ĉiu baro altiras nerezisteble, kaj ĉiu deklivo invitas malsupreniri. Gramatike, tiuj tri frazoj estas perfekte korektaj, ili plenumas ĉiujn regulojn de la Fundamento. Sed la senco trompas. La publiko de tiu epoko estu despli pardonata, ke la tiamaj Esperantistaj « lingvistoj » procedis preskaŭ same, verkante la vortarojn. Por ili estis evidente, ke « recteur », « Rektor » egalas esperante « rektoro », kiel « binocle », « binoklj » egalas « binoklo ».

Se, kiam ni ĵus vidis, sub la sama formo la naciaj lingvoj kaŝas diversajn sencojn, — la sama ideo siaflanke esprimiĝas per diversaj formoj. La du esprimoj: *saĝa virino* kaj *virino saĝa*, ŝajnas al ruso identaj, sed al franco la unua ekŝajnos alinuanca, ĉar « la sage-femme » signifas « akuŝistino ». Por traduki la elementan ideon (fr. taureau, ang. Bull) la diversnaciaj uzantoj de la Fundamento skribas: *bovo, bovoviro, toro, taŭro, virbovo.* Por la alia ideo (fr. bœuf, ang. ox) ili havas: *bovo, kastrita virbovo, jugbovo, eksbovo, bovoviro kastrita, plugbovo, bovulo.* Tiu ekzemplo montras ke la « libera evoluo » sur la bazo nur de la Fundamento kondukas al kaoso, kaj tiu kaoso grandiĝas kun ĉiu jardeko.

Ju pli mallonga kaj « facila » estas gramatiko de iu lingvo, despli granda kaj malfacila fariĝas ĝia serioza studado, aplikado de tiu elementa gramatiko. Zamenhof donis gramatikon kaj radikaron, kaj lasis al siaj adeptoj la pluan taskon, simile al arkitekto kiu donis al laboristoj brikojn kaj cimenton, kaj diris: « nun, konstruu vi mem. »

#### Gramatika kaj biologia seksoj

« *Grandegan malfacilegon prezentas por la lernanto la memorado de la seksoj de ĉiu substantivo en la naturaj lingvoj* ». Tiel diris Zamenhof, kontraŭstarigante la sistemon de Esperanto, en kiu ne ekzistas gramatika sekso, kiel ekzemple la *suno* virseksa en la franca, ina en la germana, neŭtra en la slava, la *amo* virseksa aŭ ina en la franca, la *cigno* virseksa aŭ ina en la rusa, ktp.

Tamen la teoria reguleco de Esperanto, tro simpla en siaj rimedoj, ne povis rezisti al la influo de la grandaj naciaj lingvoj, kaj iom post iom ensteliĝis esceptoj, kapricaĵoj, kaj dank al la « libera evoluo » nia lingvo en kelkaj punktoj eĉ superas la naciajn per siaj malfacilaj kazoj. En la komenco Zamenhof uzis ĝi, parolante pri personoj ambaŭseksaj, aŭ kies sekso ne estas konata: homo, infano, persono, riĉulo, ... Poste, li ŝanĝis sian opinion, kaj konsilis (en la Lingvaj Respondoj) uzi *li*, parolante pri la homo, infano, persono, ... por ne ofendi ilian homan dignecon, *) ĉar la pronomo *ĝi* komencis kunporti la nuancon de senvivaj objektoj. Samtempe, la sufiso — *ant* — evoluis laŭ mala direkto, kaj komence neŭtra kaj ĝenerala, ĝi poste alprenis la nuancon de vivaĵo, ulo, persono, homo, kaj eĉ de viro, virhomo. Efektive, analizante la vortojn: *lernanto, verkinto, heredonto*, ni trovas unue la radikojn: *lern, verk, hered*, kiuj tute ne enhavas la ideon de persono (nur ago, stato), poste ni trovas la tri particip-sufiksojn: *ant, int, ont*, kiuj ne signifas personoj, sed nur verbajn tempojn (ekz. rivero fluanta, ŝtono falinta, nokto venanta).

---

* Dio estas Li, pro la sama konsidero. (Daŭrigo sekvos).

# Ĝenevo, centro de internacia agado




## Enkonduko.
## Ĝenevo kaj Esperanto

## Internaciaj celadoj.
## UEA kaj internaciaj organizaĵoj

La decido, lokigi la sidejon de la *Ligo de Nacioj* kaj de ĝia plej konata branĉo, la *Internacia Labora Oficejo* en Ĝenevo, estas dankata al la kuniĝo de kelkaj kondiĉoj, ne troveblaj aliloke. Situo, historio, kulturo kreis dum jarcentoj centron de agado, vaste superanta la materian povon de mezgranda urbo, kia estas Ĝenevo. La « *spirito de Ĝenevo* » pri kio parolas ofte fremduloj, restantaj por pli aŭ malpli longa tempo tie-ĉi, estas rezultaĵo de longa eduko kaj sperto. Franca laŭ lingvo kaj kulturo, Ĝenevo tamen ne estas franca laŭ menso; saturita je germansvisaj elementoj, la loĝantaro unuigas en si la plej bonajn ecojn de ambaŭ popoloj.

Malgranda urbo, sen pretendo al superregado, Ĝenevo povis konservi politikan sendependecon. La aliĝo al svisa konfederacio (1814) nenion ŝanĝis tiurilate, ĉar la federalisma sistemo permesas konservi karakterizaĵojn lokan, tradician, religian kaj kulturan.

Gravan rolon ludis la reformacio de Johano Kalvino (Jean Calvin), kies verko estas la vera bazo de l' ĝeneva sendependeco. Ĉirkaŭita de teravidaj regnoj, nur kompleta izoliĝo spirita povis garantii konservon de propraj kutimoj kaj de la libereco. Sen la reformacio, Ĝenevo estus unu plia el la multaj francaj mezgrandaj urboj sen monda signifo.

Ĝenevo jam frue estis en vigla kontakto kun ĉiuj landoj, precipe kun Britujo. Estas trajto interesa de l'urbanaro, la prefero por angla kulturo, speco de anglofilio (anglo-amikeco), kiu evidentiĝas en multaj aperaĵoj. Persekutitoj ĉiulandaj trovis rifuĝejon tie ĉi kaj riĉigis la mozaikon de l' loĝantaro.

En tiu ĉi angulo de Svislando efektiviĝis kaj realiĝis ideoj de noblanimaj homoj. La batalo por sendependeco de subpremitaj gentoj trovis tie ĉi ardajn de fendantojn. Fondiĝis tie ĉi la unua Por-paca societo, laŭ instigo de Grafo de Sellon (1830). Kaj kreiĝis tie ĉi la Ruĝa Kruco, esprimo de idealisma homamo kun praktike sobra sento, minimume kuraci vundon, se la kaŭzo mem ne estas forigebla por la momento.

Kiel krono al tiom da noblaj celadoj, instaliĝis la sidejo de l' Ligo de Nacioj, kreaĵo al kiu turnis sin la esperoj de l' tuta mondo.

### Ĝenevo kaj Esperanto

Ne estas mirige, ke en tiu ĉi urbo ankaŭ Esperanto trovis jam frue eminentan amikon. Filozofo Ernest Naville, jam je la fino de l' jarcento, favore rilatis al ĝi kaj pli poste kuraĝigis la du tipajn idojn de Ĝenevo, Edmond Privat kaj Hector Hodler en ilia penado. Kaj Ĝenevo fine fariĝis fokuso de l' praktik-idealisma agado, kristaliĝinta en Universala Esperanto-Asocio.

### Internaciaj celadoj

Konate al ĉiuj estas ke Ĝenevo gastigas la centron de l' Ruĝa Kruco, ke ĝi estas kvazaŭ la areopago de l' mondo pro la jaraj kunvenoj de l' Ligo de Nacioj. Malpli konate estas, ke en tiu ĉi urbo cento da internaciaj klopodoj homamaj, kulturaj, religiaj kaj sciencaj havas sian centron. Multaj faktoroj favore influis ĉi-tiun preferon instaliĝi ĉe la bordoj de l' Lago Lemana. Pasinto kaj moderno mirinde kuniĝis por krei el tiu ĉi urbo la civiton homaran kaj el la loĝanto, civitanon de l' mondo.




**Palaco Wilson**
**Sidejo de l' internaciaj organizaĵoj kaj de Universala Esperanto-Asocio**



**La Palaco de l' Nacioj.**
**Sidejo de la Ligo de Nacioj**



**La Palaco**
**de l' Internacia Labor-Oficejo**

### UEA
### kaj internaciaj organizaĵoj

Kun aro da internaciaj organizaĵoj, sidantaj en Ĝenevo, UEA havis viglan rilatadon ĝis 1934. Aperis en ESPERANTO, n-ro 410-411, p. jena frazo :

*Ni dividis la programon de la esperantista propaganda dusemajno en kvar partojn: internacia, nacia, regiona kaj loka agadoj.*

*INTERNACIA AGADO. — Preparo kaj dissendo, el la Oficejo de UEA en Ĝenevo, al ĉiuj gravaj internaciaj organizaĵoj, de dokumentaro pri Esperanto kaj ĝia praktika rolo en la koncerna fako.*

*Vizito al la gvidantoj de tiuj ĉi organizaĵoj, farita de la direktoro de UEA.*

*Se la centro de la organizaĵo estas ekster Ĝenevo, la dokumentaro estos sendata pere de la landa esperantista asocio.*

La verkinto, S-ro P. Petit, provis per ĉi-tiuj linioj malfermi nefermitajn pordojn. Tiuj linioj ŝajnigas, kvazaŭ neniam oni klopodis interesigi intern. organizaĵojn al nia lingvo. La riĉan provizon de faktoj S-ro Petit ne konis aŭ ne volis koni. Kaj ĉi-supran pompan proklamon postsekvis..... nenio !

Tio estas unu konstato. Dua konstato farita de l' Prov. Komitato de l' UEA estas ne malpli interesa.

Decidinte forlasi Ĝenevon pro « multekosteco », aserto per nenio pruvita, la eksiĝinta estraro eĉ ne studis jam faritan [de l' komisiono de UEA en 1932] paŝon por bati du muŝojn, nome esti en intima kontakto kun ceteraj organizaĵoj en Ĝenevo aj malaltigi la kostojn.

Hodiaŭ la Prov. Komitato de UEA informas la esperantistaron pri jena grava decido, farita la 8-9 Majo 1937 :

**Depost 1-a de Sept. 1937 la sidejo de UEA troviĝos en la « Palais Wilson », ĝis 1936 la sekretariejo de la Ligo de Nacioj.**

« Palais Wilson », propraĵo de la Svisa Konfederacio estas disponigata al la internaciaj organizaĵoj en Ĝenevo. La palaco enhavas pli ol 300 ĉambrojn; preskaŭ ĉiuj duon-oficialaj kaj privataj organizaĵoj internaciaj troviĝos kune, apud la bordoj de Lemana Lago. UEA okupas ĉambraron en tria etaĝo kun raviga vidaĵo al la blua lago, al verdaj bordoj, al neĝkovrita ĉeno de l' Blanka Monto. Nova ĉapitro en vivo de UEA komenciĝas.

Meze de aliaj homaraj celadoj proksime al la Palacoj de l' Ligo de Nacioj de l' Internacia Labora Oficejo kaj de la Ruĝa Kruco, UEA daŭrigas la penadojn por proponi la servon de Esperanto al tutmondaj celadoj. Proksima artikolo informos pri la loĝantoj de « Wilson-Palaco », iliaj celadoj kaj klopodoj.

ALOBROGO.

# 29-a Universala Kongreso de Esperanto

## La Jubilea Kongreso

**Varsovio (Warszawa) 7-15a de Aŭg. 1937**

La nombro de la kongresanoj superis jam 400. Multaj landoj ankoraŭ ne estas reprezentitaj. La Naciaj Asocioj zorgu nepre, ke el iliaj landoj venu almenaŭ unuopaj reprezentantoj.

**Ni honorigu la Majstron!**

« Esperanto en la Lernejojn! » jen estas la signaldiro de nia Kongreso. Sed dum nia Jubilea Jaro ni honorigu tiun, al kiu ni ŝuldas Esperanton. Ni honorigu D-ron L. L. Zamenhof — jen estas la dua signalvorto de nia Kongreso. Kaj la Tutmonda Esperantistaro honorigos sian Majstron dum la Universala Jubilea Kongreso en Varsovio sur Lia tombo. Solenaĵo sur la tombo de Kreinto de Esperanto estos neforgesebla travivaĵo por ĉiu esperantisto. Partoprenu tiun ĉi solenaĵon multnombre kiel decas al la Esperantista popolo!

Ĉiuj lokoj kunligitaj kun vivo de nia Majstro estas nepre memorindaj. Tial dum la Kongreso oni enmurigos la memortabulon en la domon kie loĝis kaj mortis Zamenhof ĉe Królewska str. 41.

Ankaŭ por honorigi la Majstron kaj montri al la vasta publiko, ke ni ekzistas, okazos demonstracio tra la urbo. Kunportu Viajn klubajn kaj naciajn flagojn.

Por inde honorigi la 50-jaron de Esperanto ĉiu kongresano ricevos senpage 240-paĝan « Oran Libron », eldonitan de « Literatura Mondo » laŭ komisio de LKK.

Ĉiu kongresano ricevas senpage la oficialan gazeton de la Kongreso « La Jubilea ».

Ne parolu tro multe, sed agu
Kaj por la kongresa karto tuj [pagu!

**Granda internacia konkurso.**
**Ĉiutaga gazeto dum la Kongreso.**

LKK helpata de kelkaj samideanoj — profesiaj ĵurnalistoj — eldonos dum la Kongreso ĉiutagan gazeton, kiu servos al kongresanoj por ĝenerala informo.

La enhavo de la gazeto estos; politikaj kaj ĝeneralaj informoj, kongresa kroniko, intervjuoj, felietonoj kaj varsovia kroniko. Ĝi estos grandformata kaj sufiĉe ampleksa.

LKK anoncas grandan internacian konkurson por la titolo de la gazeto. Persono, kies proponita titolo estos akceptita ricevos valoran premion. /Bela libroj/. Ĉiuj samideanoj partoprenu la konkurson kaj skribu plej malfrue ĝis la 1-a de Julio al LKK de la Universala Jubilea Kongreso, Warszawa, I, Chmielna 26/8, Polujo

**Kongresaj glumarkoj.**

Aperis belaj kongresa glumarkoj. Ni sendas 50 pecojn por 1 zl. aŭ 2 respondkuponoj. Nepre uzu la kongresajn glumarkojn sur ĉiu Via korespondaĵoj Postulu de LKK, Warszawa I, Chmielna 26/8, Polujo

## Korespondado

*Amsterdam* (Nederlando).
S-ro N. Zilver z. Jansestraat, 53, PM. PI.

*Felsógöd* (Hungarujo).
S-ro Teodoro Kovács, Kor. pri parenceco de la finno-ugraj kaj uralaltajaj, popoloj, pri turismo, folkloro kaj pri fervojaj aferoj, fremdultrafikoj, cigana kaj aliaj lingvoj., dez. ric. reklamafiŝojn pri fremdultrafiko kaj montregionoj kaj urboj, ia -ajn presaĵojn pri urboj kaj regionoj. Ŝatus ricevi nun notojn pri la cigana vivo-moro kaj historioj kaj lingvaj aferoj.

*Mukačevo* 3 (Ĉeĥoslovakujo).
S-ro A. Veverka, Internat. ul. 42; daŭre interŝanĝas kĉl. PM, PI kun bildoj de signifaj kulturverkoj kaj monumentoj naciajn kantojn.

*Pleven* (Bulgario).
S-ro Stojan Stojkov Kisov deziras korespondi per PIK kaj L. Certe respondas.

*Tirnovo* (Bulgario).
S-ro Georgi Dončev, ulica « Gurko » -1, dez. kor. per L. k. ĉ. l. PM.

*S. Zlatariza*, ok. Elenska (Bulgario)
S-ro Nikola Iv. Kaparasev, dez. kor. k. ĉ. l. per L. kaj PI. Certe respondas.

# ALFRED MICHAUX †

La nomo de *Michaux* markas daton, gloran daton en la historio de Esperanto. Estas 1905, la jaro de la « Bulonj » a Kongreso, la Unua Internacia Kongreso de Esperanto. Oni memoru pri la skeptikeco, la indiferenteco kaj eĉ, kelkafoje, la malamikeco kiujn, dum tiu epoko, renkontis la esperantista movado. Nu, la Unua Kongreso triumfe refutis ĉiujn kontraŭdirojn kaj elmontris ke la verko de Zamenhof bonege plenumas la celon por kiu ĉi estis Kreita: lingvo internacia tiel parolebla kiel skribebla.

Longatempe antaŭe preparita, tiu Kongreso havis mirindan sukceson kaj donis viglan impul son al nia movado. Vere ĝi estis la verko de Michaux, helpata cetere de sindonemaj kunlaborantoj, kuraĝigitajn per lia apostola kredo. Tagoj neforgeseblaj, dum kiuj la diversaj laborkunvenoj, ekskurso kaj festoj okazis, en plena entuziasmo, sub la prezidanteco de nia respekteginda Majstro, Doktoro L. L. Zamenhof, tiom bona kaj simpla. Unu el la ne malgrandaj meritoj de Michaux estis, ke li sukcesis decidi Zamenhof, tiun modestan scienculon, malamikon de/ ĉiu bruo kaj reklamo, alveni al Bulonjo. Li ne kutimis vojaĝi, diris li, kaj neniam publike parolis. Longatempe li hezitis kaj fine li konsentis. « *Mi nepre venos* », skribis li. Li venis kaj tio decidis sukceson.

Michaux naskiĝis la 5an de junio 1859a, en Clenleu, distrikto de Hucqueliers (Pas-de-Calais). Li enskribiĝis kiel advokato en Boulogne-sur-mer, dum 1885a, kaj okupis plurfoje, post elekto, la honorindan postenon de advokatestro. La la stan fojon, li estis elektita unuanime, kio estas malofta. Li prezidis la Komitaton por la juĝotaj infanoj. Tre sportema, li estis longatempe Delegito de « Touring-Club de France ».

Liaj unuaj lingvaj laboroj estis inspirataj al li per la legado de libro pri « Néo-Latin » de Courtonne. Estis De Beaufront kiu konigis al li la lingvon Esperanto. Li estis tuj allogita de la logikeco kaj de la mirinda simpleco de tiu lingvo kaj konigis ĝin per publikaj paroladoj, ĉe kiuj ĉeestis granda aŭskultantaro, ĉarmata de lia flama kaj bildoriĉa parolo. Li gvidis multe da publikaj senpagaj kursoj kaj verkis plurajn lernolibrojn (el kiuj unu kun Sro P. Boulet).

Esperantista ekskurso, organizita de Michaux, okazis la 7an de Aŭgusto 1904a en Calais kaj Dovers (Anglujo). En ĝi partoprenis ĉirkaŭ 120 personoj, inter kiuj pluraj angloj kaj du ĉeĥaj inĝenieroj. Tio estis kvazaŭ skizo de la Unua Kongreso kaj estis dum unu el tiuj kunvenoj ke Michaux proponis organizi Internacian Esperantistan Kongreson okazontan dum la sekvanta jaro.

Ni ne insistos pri la sukceso de tiu manifestado, al kiu aliĝis pli ol mil partoprenantoj, inter kiuj kelkaj elvenis el tre malproksime, kiel Kanado kaj Kaŭkazo.

Depost tiu epoko, Michaux daŭrigis, ĝis siaj lastaj tagoj, montri sin kiel unu el la plej fervoraj kaj viglaj propagandistoj de Esperanto. Multnombraj paroladoj estis de li faritaj, pri tiu temo, en Francujo kaj en najbaraj landoj: Britujo, Belgujo, Nederlando, ktp. Li publikigis ankaŭ, pri la internacia lingvo, kvanton da gazetartikoloj kaj plurajn broŝurojn: Libera Evoluo kaj Akademio; Catéchisme de l'Esperanto; Nouvelle Méthode pour apprendre seul l'Esperanto (en kunlaborado kun P. Boulet); La Romanallingvo internacia bazita sur la latina, por la uzado de obstinegaj latinpartianoj (alveninigante ilin iom post iom al Esperanto).

Michaux estis ano de la Lingva Komitato (depost la Komenco de tiu-ĉi), Prezidanto de la Internacia Societo de la Juristoj Esperantistaj, Honora Prezidanto de la Bulonja Esperantista Grupo, ktp.

Fizike: viro granda, kun bluaj esprimoplenaj okuloj. Lia parolo estis flama, simpatia kaj arda, samtempe simpla. Kaj tio klarigas la sukseson de liaj pledadoj kaj paroladoj. Lia akcepto estis ĉiam afabla kaj amika. Lia tuta persono inspiris simpation.

Morale: Karaktero. Decas diri lian grandan sinforgesemen. Neniam li klopodis por havigi al si personan profiton per Esperantismo. Malgraŭ multaj malfeliĉoj (longa malsano, kruelaj familiaj funebroj), lia cerbo restis, ĝis la fino, juna kaj agema. Li mortis en plena laboro, pledante antaŭ la Tribunalo de sia urbo. Li ĉiam estis granda laboremulo. Lia longa sperto, lia enciklopedia klereco kaj lia praktika juĝkapablo faris ke oni ĉiam povis prikonsiliĝi profite un li en la plej malfacilaj okazoj. Liaj konsiloj estis ofte petataj kaj sekvataj.

Esperantismo multe ŝuldas al Michaux.

Speciale li estis granda amiko de UEA kaj multe ŝatis kaj amis nian Asocion.

Oni povas diri de li kiel de Zamenhof: La homo malaperas. La verko restas. La tempo ŝajnigos ĝin ankoraŭ pli granda.

G. B., Hon. Deleg. UEA.

# Venu vidi Varsovion! Varsovio vokas vin.

## Oficiala Informilo de UEA : N-ro 7

**1937 Majo 29-a Jaro**

*Kunveno de la P. K.*

La Provizora Komitato de UEA, kunvenis je la sepa fojo, 8-9an de Majo 1937 en la Centra Oficejo de UEA. Ĝi ekzamenis la situacion, kontrolis la oficejon kaj decidis pri ŝanĝo de la sidejo.

*Ŝanĝo de la sidejo:*

La Prov. Komitato dum la sepa kunsido ekzamenis inter alie la situacion pri la loĝejo. Ĝi konstatis, ke la antaŭ-Stokholma komitato jam serioze klopodis por trovi oficejon en la Sekretariejo de la Ligo de Nacioj, tuj post ties instaliĝo en la nova palaco. Ĝi do akceptis la inviton translokigi la C.O. de UEA en « Palais Wilson » je favoregaj kondiĉoj. Post unua de Septembro la adreso estos « Centre International » Genève.

*Ĉefdelegito dana*

La Prov. Komitato de UEA nomis ĉefdelegiton por Danlando
S-ron A. P. Dueholm, Bryggewangen 4, St. th, Kopenhago — Ö.
*ĝis definitiva elekto laŭstatuta.*

*Ĉefdelegito litova:*

La Prov. Komitato de UEA nomis ĉefdelegiton por Litovujo:
S-ron A. Poŝka, Putvinskio 30, 6-8, Kaunas
ĝis definitiva elekto laŭstatuta.

*Jarlibro 1937*

Kiel ni jam anoncis, ĝi estos JUBILEA JARLIBRO kaj enhavos artikolojn: Resuma/ historio/ de nia movado/ Historio/ de nia organizo/ La Literaturo/ La Teknikaj Vortaroj/ Panteono Esperantista, niaj pioniroj de 1887 ĝis 1904/ La estiĝo de nia movado, laŭlanda, laŭregiona/ La ŝlosilo de Esperanto/, historia priskribo/ — Parto pri UEA — k. a.

La Jarlibro kun ora kovrilo ampleksos 240 p., kaj estas riĉe ilustrata. Ĝi estas presata en Bialystok, la naskiĝloko de D-ro Zamenhof kaj de Esperanto. Pro teknikaj malfacilaĵoj, ĝi aperos nur je fino de Junio 1937.

*Poŝta enkasigo:*

La personoj kiuj ĝis nun ne renovigis la membrecon al UEA aŭ la abonon al ESPERANTO estas informataj, ke la C, O. procedos al perpoŝta enkasigo, ĉu rekte ĉu per la ĉefdelegitoj, komence la Junio 1937.

*Respondkuponoj de UEA.*

Ni memorigas, ke la ankoraŭ cirkulantaj respondkuponoj kun dato surpresita 31 Decembro 1935 estas reakceptataj de la C.O. de UEA ĝis 30 Junio 1937. (Vidu informon en la Of. Informilo, n-ro 3, Jan. 1937).

*Ekspozicia Servo de UEA*

Liveras kontraŭ nura repago de la propraj kostoj fundamentan materialon por Esperanto-Ekspozicio. Pezo: 5 kgr. Kosto 20 Frk. sv. (En Svislando 15 Frk.).

PETO ! !

Por ke juna fraŭlino povu esti sendata Svisujon, por resaniĝi je blindiĝo, ni petas al la tutmonda samideanaro donace sendi ĉiajn, uzitajn poŝtmarkojn.

Ni bezonas unu milionon; jam havas 300.000.

Ne prokrastu! Urĝas! Ĉiuj kvantoj estas bonvenaj.
Por la helpkomitato volonte akceptas poŝtmarkojn

s-ro P. J. W. SCHILPEROOD, ĉe Berkelselaan 43 b - Rotterdam-N.

Propagandu per bonfaro.
(Represo dezirata)

## Bibliografia Servo

*** Lomme-Ordbogen Dansk-Esperanto, Eldonis J. Grønborg, Ringgade 12, Aarhus, 32 paĝoj. Formato 12 × 8 cm. Prezo: 20 Øre. (1936-21).

*D-ro Emil Pfeffer:* Ich spreche Esperanto. Eldonis, Tagblatt-Bibliotek Wien. 56 paĝoj. Formato 18,5 × 12 cm. Prezo 52 gros. aŭ 1 respondkupono. (1936-22).

*Paul Neergaard:* Aaseretuing. Eldonis Plantpatologia Labrat. de J. E. Ohlsens Euke, Linnesgade 14, Kopenhagen. 8 paĝoj. Formato 23 × 16 cm. Prezo ne-indikita. (1936-23).

*** Tutmonda Fakadresaro 1936. Eldonis Esperanto-Presejo, A. Pražák, Jablonné n.O. 73 paĝoj. Formato 15 × 17,5 cm. Prezo ne-indikita. (1936-24).

*B. Giedra:* Pilnas Esperanto-Lietuviu K. Zodynas. Eldonis Marijonu Spaustuvé, Mariampolêje. 192 paĝoj. Formato 15,5 × 10 cm. Prezo ne-indikita (1936-25).

*Molière*, trad. Rich. Levin: La Nobela Burĝo. Eldonis Lyona Universitata Esp. -klubo. 72 paĝoj. Formato 22,5 × 11 cm. Prezo Frk. fr. 10.— (1936-26).

*Delfi Dalmau:* Ilustrita Lernolibro de Esperanto por Praktika Komenca Kurso. Eldonis la aŭtoro mem. 22 paĝoj. Formato 24 × 17 cm. Prezo Pes. 1,50 (1936-27).

*** Gvidlibro pri Rio de Janeiro, Ĉefurbo de Brazilo. Eldonis Ministrejo por Eksterlandaj Aferoj. Formato 27 × 18,5 cm. (1936-28).

*D-ro Ferenc Szilágyi:* Moderne Esperanto-Kursus. Eldonis Dansk Esperanto-Förlag. 100 paĝoj. Formato 22,5 × 15 cm. Prezo ne-indikita (1936-29).

*P. Th. Justesen:* Verema Raporto pri la Germana-Molsa Milito. Eldonis Chr. Justesens Bogtrykkeri A/S. 23 paĝoj. Formato 20 × 14 cm. Prezo Dan. Kr. 0.60. (1936-30).

*Jaume Grau Casas:* La Lasta Poemo. Eldonis la aŭtoro mem. 29 paĝoj. Formato 15,5 × 11 cm. Prezo ne-indikita (1936-31).

*G. P. de Bruin:* Laborista Esperanta Movado antaŭ la Mondmilito. Eldonis S.A.T. 36 paĝoj. Formato 21 × 15 cm. Prezo Frk. fr. 4.— (1936-32).

*H. R. Holst van der Ŝalk*, trad. H.A. Buis: Frateco en la Vivpraktiko. Eldonis S.A.T. 28 paĝoj. Formato 16 × 12 cm. Prezo Frk. fr. 1.50 (1936-33).

*N. Bartelmes:* Juneca Ardo. Eldonis S. A. T. 120 paĝoj. Formato 19,5 × 13,5 cm. Prezo Frk. fr. 9.— (1936-34).

*D-ro Inĝ. Eugen Wüster*, trad. D-ro E. Pfeffer: Konturoj de la Lingvonormigo en la Tekniko. Eldonis Literatura Mondo. 123 paĝoj. Formato 20,5 × 14 cm. Prezo ne-indikita. (1936-35).

1937

*** Kompilis *H. Steiner:* XII-a Somera Universitato. Eldonis « Albrecht-Dürer » — Verlag. 64 paĝoj. Formato 23 × 15,5 cm. Prezo ne-indikita. (1937-1).

*** Kompilis *M. de Waard:* Demandaro kaj Respondaro pri Historio de la Esperanto-Movado. Eldonis W. J. Thieme et Cie. 90 paĝoj. Formato 23,5 × 15,5 cm. Prezo Guld. 1.40 (1937-2).

*P. J. Soeters:* Mia Lernolibro. Eldonis W. J. Thieme et Cie. 136 paĝoj Formato 23,5 × 15,5 cm. Prezo Guld. 1.20 (1937-3).

*Julius Glück kaj J. H. J. Willems:* La Verbo en Esperanto. Eldonis W. J. Thieme et Cie. 48 paĝoj. Formato 23-5 × 15,5 cm. Prezo Guld. 0.65 (1937-4).

*Edm. de Amicis:* Koro. Eldonis A. Paolet. 316 paĝoj. Formato 20 × 14 cm. Prezo Liroj 12.— (1937-5).

*Karlo Marks kaj Fred. Engels:* La Komunista Manifesto (3a eld.) Eldonis S.A.T. 56 paĝoj. Formato 18 × 12 cm. Prezo Frk. fr. 3.— (1937-6).

## Turisma Servo

**Mondfama kurac-banloko Karlsbad**

Laŭdi la akvojn de Karlsbad ŝajnas porti akvon en maro. Tion ankaŭ ne faras la nuna faldprospekto en Esperanto (22,5 × 10 cm, 16 p.) kiun eldonis la « Kurverwaltung » sed afere informas pri ĉio sciinda por interesulo. Aro da bildoj kompletigas la tekston en agrabla maniero. Oni petu la prospekton de la Kurverwaltung Karlsbad, Ĉeĥoslovakio aŭ de la Turisma Servo de UEA.

**Vizitu la urbon Jiĉin kaj rokaron de Prachov**

invitas multkolora arta afiŝo (1 m. × 61 cm), eldonita de la Ŝtata Fervojaro ĉeĥoslovaka. Ni memorigu, ke ankaŭ ĈSR konsentas ŝatindan rabaton al eksterlandaj turistoj ĝis 2/3 de la efektiva prezo.

**Italio**

La Hotel-kuponoj kaj Benzinkuponoj por la fremduloj en Italujo instrukcio pri aĉetado kaj uzado, specialaj favoraĵoj konsentitaj ĉe la fervojoj, 1937-XV. — Tiu ĉi kajero aperinta en serio da lingvoj aperis nun ankaŭ en Esperanto. Interesuloj povas peti ĝin dela Ente Nazionale per le Industrie Turistiche, Via V.V. 62, Roma aŭ ĉe la Turisma Servo de UEA.

**Fondinto : H. Hodler, † 1920**

**Redakcio : Tour de l'Ile, Genève,**
**Red. : Provizora Komitato de U E A**
**Presis : Granchamp, Imprimerie, Annemasse, (Hte-Savoie)**
Dato : 25 Majo 1937